




4/2005
Junio/Julio

# Sukcesa aspirado

**Bad König (ehh) La jarĉefkunveno de GEA dum la ĉijara kongreso akceptis la proponon de la estraro de Hamburga Esperanto-Societo, okazigi la Germanan Esperanto-Kongreson 2007 en Hamburg.**
Komisie por la estraro *Benno Klehr* prezentis la proponon al la membroj en la kunveno, kunportinte sespaĝan proponon de la Hamburganoj. Kiel daton oni elektis la 25an ĝis 28a de majo 2007, do Pentekoston.
Nun la **L**oka **K**ongresa **K**omitato povas eklabori. Sciante la precizan daton kaj havante la akcepton de GEA, la LKK povas eltrovi la plej taŭgan kongresejon kaj marĉandi pri la prezoj. Tamen, fari kontrakton pri la kongresejo restas afero de GEA. Por la kunveno de la estraro (resp. LKK), la 30an de junio ankaŭ estas invitita Christian Darbellay, la kongresa komisiito de GEA, kiu fine devas subskribi nome de GEA. Same restas afero de GEA, kiel aspektos la programo, sed la Hamburganoj klopodas iom influi la decidojn por fari bonan kongreson.

Hamburg
Deutscher Esperanto-Kongress
2007
84a Germana Esperanto-Kongreso
25a - 28a de Majo 2007

**Editoraĵoj**
Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.*
Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg
Tel/Faks: +49 40 250 30 65

Prezidanto: Jürgen Wulff

**Karaj legantoj,**
mi partoprenis en la Germana Esperanto-Kongreso en Bad König, kie okazis prelegoj pri diversaj interesaj temoj.
Oni kritikis, ke ne ĉiuj povis kompreni ĉion en la prelegoj.
Kion celas tiu kritiko?. Ne eblas ke

| | |
|---|---|
| Redaktoro: *Benno Klehr*<br><br>Retpoŝto: Esperanto-Hamburg | altnivelan prelegon komprenas ĉiu, ĉu lingve aŭ enhave.<br>Eĉ en la gepatra lingvo altnivelaj prelegoj estas malfacile kompreneblaj por nefakuloj.<br>Alia kritiko estis pri tro rapida parolado. Oni postulis ke la prelegantoj parolu malrapide por ke ĉiuj povu sekvi.<br>Se ni irus tiun vojon, prezenti ĉion tiel, ke ĉiu "eterna komencanto" povu kompreni, ni certe perdus la altan nivelon de prelegoj, kaj per tio la ŝancon, esti akceptataj kiel uzantoj de vere "taŭga" lingvo por internaciaj rilatoj. Troa toleremo nur povas damaĝi. Homoj, kiuj ne komprenas prelegon, prefere vizitu perfektigan kurson.<br>Ni devas daŭre celi al pli alta nivelo en ĉiaj kampoj por atingi eksteran akcepton. Kaj ĉiuj povas subteni tion per daŭra plibonigo de la propra lingvo-nivelo.<br><br>*Benno Klehr* |
| Redaktofino de Esperanto Hamburg<br>n-ro 5/2005: 15-07-2005 | |
| **Sentenco**<br><br>Genio estas<br>longa pacienco<br><br>*Victor Hugo* | |

---

## Europawochen in Hamburg mit Esperanto

### Boutros-Ghali auf der Europawoche in Hamburg

Hamburg. (jwu) Im Rahmen der Eröffnung der Europawoche sprach am 9. Mai 2005 der ehemalige UN-Generalsekretär Dr. Boutros Boutros-Ghali zum Thema "Europe and the crisis of the United Nations" vor ausgewählten Repräsentanten der Stadt und der Verbände der Europäischen Bewegung in der Hansestadt, zu der auch der Landesverband Hamburg des Deutschen Esperanto-Bundes gehört.

Am Rande der Veranstaltung hatte Jürgen Wulff vom Landesverband Hamburg die Gelegenheit zu einem kurzen Gespräch mit Dr. Boutros-Ghali.

Auf die Frage, welche Rolle seiner Meinung nach eine internationale Sprache wie Esperanto bei der Weiterentwicklung der Weltgemeinschaft spielen könne, betonte Boutros-Ghali, dass es unabhängig von einer allgemeinen Verkehrssprache vor allem wichtig sei, die einzelnen Muttersprachen und damit auch die verbundenen Kulturen zu erhalten. Sprache sei die Grundlage der Kulturen und diese sollten unbedingt in ihrer Vielfalt erhalten bleiben.

Auf die Frage, wie denn mit der großen Anzahl von Übersetzungssprachen umgegangen werden sollte, meinte der ehemalige UN-Generalsekretär, dass notwendige Übersetzungskosten in internationalen Organisationen wie der UN oder der EU zu vernachlässigen seien. Diese würde nicht mehr kosten "als zwei Bomben".




Wichtig sei es vor allem, auch Geld für den Erhalt von Sprachen auszugeben. "Wenn man Geld hat, den bengalischen Tiger zu retten, sollte man auch Geld haben, bedrohte Sprachen zu retten."

---

## Esperanto-Stand

**Hamburg. (jwu) Während Dr. Boutros-Ghali im Kaisersaal des Rathauses sprach, informierten draußen im Innenhof des Rathauses die diversen Organisationen der Europäischen Bewegung über ihre Arbeit**

Mit dabei war auch der Landesverband Hamburg des Deutschen Esperanto-Bundes mit einem Informationstisch.

Im Rahmen des ganztägigen Bühnenprogramms trug für den Landesverband *Ralph Glomp* mit einem halbstündigen Beitrag über die Rolle von Esperanto in den neuen EU-Ländern bei.

Aufgrund der Tatsache, dass die Eröffnung der Europawoche an einem Montag stattfand und zudem das Wetter sehr kalt und nass war, kamen nur wenige Besucher in den Rathaus-Innenhof.

Dennoch waren die Informationsgespräche, die am Esperanto-Stand geführt wurden, lang und ausführlich, sodass doch der eine oder andere Besucher mit mehr Wissen über Esperanto und vielleicht einer gewandelten Einstellung zu der internationalen Sprache den Stand verlassen haben dürfte.

## Esperanto Hamburg Nord

Dum la semajnfino de 25a kaj 26a de Junio okazos la tradicia festo en Eppendorfer Landstraße. Tie ankaŭ troviĝos informstando pri Esperanto. Helpemaj homoj

demandu la organizantinon Peggy Ley

SCHNUPPERKURS: Montag, 5.9. • 18:30 h • Kulturhaus Eppendorf

KURSBEGINN: Montag, 12.9. • 18:30 h • Kulturhaus Eppendorf

## Du und Deine Welt: 26.8.- 4.9.2005

Por la granda ekspozicio en "Messehallen" ni bezonas helpantojn. Speciale bonvenaj estas helpantoj dum normalaj labortagoj, kiam niaj aliaj aktivuloj estas profesie okupataj, 10-14 h aŭ 14-18 h. Anonciĝu ĉe Benno Klehr aŭ en la klubejo.

**Nia programo**

| Junio | Julio |
|---|---|
| 2 **Raporto pri la Germana kongreso**<br><br>9 *Ralph Glomp*: **Fabeloj de H. C. Andersen**<br><br>16 *Benno Klehr*: **Lingvaj Ludoj**<br><br>23 *Herr Jasiulevicius*: **Vortrag über die litauische Wirtschaft**<br><br>**25 Jubilea festo (Sabato) en Schwerin**<br><br>**26 Informado en Ashausen (Dimanĉo)**<br><br>**30 18.00 h estrarkunsido**<br>**20 h** *Filmprezento:* **Angoroj**<br><br>**25-26 Straßenfest in der Eppendorfer Landstr.** | 7 *Frank Merla*: **Pri la uzado de la akuzativo**<br><br>**14 senprogramo gastoj estas bonvenaj kaj povos prezenti sin kaj sian landon aŭ klubon**<br><br>**21 senprogramo gastoj estas bonvenaj...**<br><br>**23-30 90a Universala Kongreso en Vilno**<br><br>**14 senprogramo gastoj estas bonvenaj...**<br><br>**Ni deziras agrablan someran tempon kaj belajn feriojn!** |

### Komuna vojaĝo al jubileo en Schwerin

Grupo de membroj la 25an de Junio per grupa bileto ekveturos je la horo 8:21 al Schwerin kaj reveturos de Schwerin je la horo 18:11, atingonte Hamburgon je la horo 19:38. Kunvojaĝontoj anonciĝu ĉe Hannelore Brunow.

## 82a Germana Esperanto-Kongreso

**De la 5a ĝis 8a de majo okazis la GEK en Bad König, sude de Frankfurt. La kongreso okazis kvazaŭ en vilaĝo de eĉ ne 10.000 enloĝantoj. La etoso estis agrable familiara, plejparte pro la bona prizorgado de la ĉefa organizantino *Antje Reeh*. En la fina kongres-kritika kunveno oni nomis ĝin "ĉarma kongreso", kvankam la vetero estis malbona.**



En la jarĉefkunveno estis reelektita *Andreas Emmerich* kiel prezidanto. Li atentigis, ke laŭ la statuto estos lia lasta periodo, ĉar li nun elektiĝis la trian fojon sinsekve. Ankaŭ reelektiĝis *d-ro Rainer Kurz*, *Alois Eder*, *d-ro Jörg Gersonde* kaj *Christof Krick*. Nove eniris la estraron *d-ro Rudolf Fischer* por anstataŭi *Stefan Sassenberg*, kiu forlasis la estraron jam antaŭ unu jaro. Krome estis elektita *Pit Hauge* (antaŭ edziĝo *Kreiner*) kiel kasisto, ĉar *Reinhard Pflüger* post 9 jaroj ne volis daŭrigi.
*Peter Zilvar* raportis pri la planado por la kongreso en Braunschweig venontjare. Ĝi okazos en hotelo en la urbocentro; junulargastejo bedaŭrinde ne ekzistas.
Dum la kongreso okazis prelegoj pri lingvoj en Eŭropo, la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, ludoteorio pri lingvoj de *Reinhard Selten*, Kenigsbergo/Kaliningrado, Anton Ĉeĥov, rusa kaj ĉeĥa eldonejoj, lingvo-instruado, la klerigejo de GEA kaj vinoj el la regiono kun gustumado. Krome okazis muzikaj prezentaĵoj kaj ludado de la teatraĵo "Dinner for one" en Esperanto de *Judith* kaj *Thomas Bormann*.



Dum ekskurso eblis viziti la kastelon de Erbach aŭ eburaĵan muzeon. Dufoje la kongresanoj ricevis komunan bongustan manĝon, kiun inkluzivis la kongreskotizo. La programo de la ĉijara kongreso estis vere tre varia kaj altnivela. Tiuj, kiuj ne partoprenis, certe devus bedaŭri tion. Partoprenis nur malpli ol cent aliĝintoj. Eble la loko al multaj ne ŝajnis alloga, sed en kongreso pli grava estu la programo, kaj tiu kongreso estis tre riĉa je interesaj programeroj.



La venonta kongreso en Braunschweig estos la jubilea kongreso de 100jariĝo de GEA.
Tie certe la programo fariĝos tre interesa kun multaj altnivelaj prelegoj de renomaj fakuloj, solena festkunveno kaj bona kultura programo.
Fruaj aliĝintoj povos ŝpari aliĝkostojn kaj rezervi al si la plej favorajn hotelĉambrojn.



---

**Prelego pri ĝemelaj urboj**




Hamburg.(ehh) La 12an de Majo, kadre de la Eŭropa semajno, Hans Fechler prelegis en la Esperanto-Domo pri la □el-urbaj aktivadoj en sia urbo Hildesheim. Li klarigis, ke ne nur la politika volo necesas, sed precipe la privata engaĝiĝo. Se mankas la kontaktoj de homo al homo, restas nur sur-papera partnereco inter la urboj. Por vera interĝemeliĝo estas necese, lerni pri la kulturo kaj la kutimoj en la aliaj urboj. Interhomaj rilatoj nur funkcias, kiam oni scias, kiel la alia kutime kondutas, por eviti miskomprenojn. La urbo Hildesheim kunlaboras en diversaj fakoj kun ok urboj en diversaj kontinentoj, kaj ne nur faras turismajn vizitojn.

## Gratulon al Schwerin

1905  2005

Hamburga Esperanto-Societo
gratulas okaze de la 100-jara jubileo
de Esperanto en nia najbara lando
Meklenburgio-Antaŭpomerio.

Re al Esperanto en Hamburg